# IRĚJO - Bulteno

**Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo**

N-ro : 12 Decembro(95) - Januaro(96) Azár - Dej 1374

# Junulara mano burĝonas!




## /Rana Esperanto-Asocio survojas!

## Adresoj

**IREJO - Bulteno**

□Redaktoro : M.Reza Torabi □Kunlaborantoj : Fáriba Nuri Máĝd, Monire Fáhmi □Eldonaj aferoj : Ábbas Bagestani □Kovrilo : Máhmud Mirbozorgi □Eldona ordo : du monate □Poŝta adreso : P.O.Kesto 17765-184, Tehrano, Irano □Telekopiilo : (+98) 21 363232 □Telefono : (+98) 21 4506503 □E-poŝto : karimi@eco.atu.ac.ir ■

---

**Irana Esperantista Junulara Organizo - IREJO**

UEA kodo : irej-n, P.O.Kesto : 17765-184, Tehrano

Landa sekcio de TEJO, Landa filio de ISAE

La Estraro de IREJO :

- ***Prezidanto*** : M.Reza Torabi, (Eksteraj Rilatoj, Informado, Planado) p/a : IREJO
- ***Vicprezidantino*** : Fáriba NuriMáĝd (Viriniaj aferoj, Kunvenoj kaj Kunsidoj) p/a : IREJO
- ***Ĝenerala sekretario*** : Hámzeh Ŝáfii (Interasociaj Rilatoj, Pasporta Servo) p/a : P.O.Kesto : 13445-915, Tehrano. Tel : (021) 4506503
- ***Kasisto*** : Ábbas Bagestani (Komputila Rondo) p/a : P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano. Tel : (021) 6612445

***Komisiitoj*** :

- Ĝámŝid Áhmádi (Sciencaj aferoj) p/a : IREJO
- Ábdollah HákimNeĵad (Universitataj aferoj) p/a : IREJO

---

Nia baldaŭa renkontiĝo : 23.9.74 (14.12.95)
Ĉu vi jam aliĝis al la 5a IREJO kunveno?
La detalaj informoj ĉe :
Hámzeh Ŝáfii, tel : (021) 4506503

## Saluton!

Jen dekdua numero de nia bulteno kiu fariĝis du jara kaj alpaŝis sian tri jaraĝecon. La bulteno kiel la asocio jam bakiĝas kaj trovas sian decan vizaĝon, sed laû mi ankoraû estas multaj mankoj, tamen kompare la situacio ni devas esti kontentaj!

Dum la pasintaj du monatoj okazis esperigaj eventoj fare niaj gesamideanoj en Tehrano : okazigo de E-o ekspozicio, inaûguro de E-o kurso kaj okazigo de Ago-tago unua foje en nia lando.

Nia aktivado dum la pasinta tri jara periodo hodiaû fruktodonas kaj estas la tasko de ni ĉiuj senĉese kaj ade daûri la aktivadon.

En tiu-ĉi numero vi trovas divers-specajn legaĵojn kaj novajn nomojn kiuj montras, iel kreskon de la bulteno.

Mi atendas viajn kontribuojn por plenriĉigi la bultenon. Bonvolu ne heziti speguli vian opinion pri la enhavo.

Bonan legaĵon.

La Red.

*Enhavo* *Paĝo*



***Jen la respondo de la 3a konkurso:***

1.Kies 2.Kiel 3.kia 4.kiuj 5.kial 6.kiam 7.kion 8.la,la 9.la,- 10.-,la,- 11.da,da 12.da 13.de,da 14.de,de 15.de 16.da 17.per 18.per 19.kun 20.per

### *ILEI por la estontaj generacioj*

Lingvo vivas tra sia popolo. La establitaj etnaj lingvoj restas vivantaj per si mem; ili estas pludonitaj de generacio al generacio ene de la familia rondo. Kontraste, tio apenaŭ funkcias por Esperanto. Ĝia pluvivo postulas daŭran kreskon de ĝia parol-komunumo, sed tio ne okazas aŭtomate: niakaze tion povas certigi nur konscia kaj organizita agado. Nur grandskala kaj efika instruado de la lingvo garantias al ni niajn estontajn generaciojn. Pro tio instruistoj-ĉiufakaj-ludas ŝlosilan rolon en la movado.

Tial aktivas ILEI-la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj.

### *ILEI - la difino*

Fondita en 1949, ILEI estas demokratia faka organizaĵo pri edukado kaj instruado, sendependa kaj memstara, kun jura sidejo en la Respubliko de San Marino. Ĝi estas en konsultaj rilatoj kun Unesko en kategorio C.

### *ILEI - la celoj*

la ĉefa celo de ILEI estas akceli la oficialan enkondukon de Esperanto en lernejojn tra la mondo. Sekve, ĝi reprezentas la esperantistajn pedagogojn ĉe ŝtataj kaj fakaj instruaj instancoj. Inter ĝiaj pedagogiaj taskoj, la plej grava estas plialtigi la lingvokonon kaj instrukapablon de ĉiuj personoj, kiuj instruas Esperanton. Por garantii la kvaliton de la instruado, ILEI establas internaciajn normojn diplome atesteblajn. Ĝi krome stimulas la uzon de Esperanto por la starigo de internaciaj fakaj kontaktoj inter profesiaj instruistoj. Por ekspluati la internaciecon de Esperanto, la ligo plifaciligas kontaktojn inter instruistoj kaj lernantoj el malsamaj lingvo-regionoj. En sia tuta eduka agado, ĝi emfazas respekton kaj toleremon inter la popoloj kaj kulturoj.

### *ILEI - sekcioj kaj membraro*

En trideko da landoj ILEI havas sekciojn kaj individuajn membrojn en multaj pliaj. Membroj aliĝas al ILEI ĉu tra siaj landaj sekcioj, ĉu senpere. Rajtas aliĝi ĉiu persono, kiu rekonas la Statuton de la ligo kaj kiu okupiĝas pri edukado aŭ instruado:

- profesiaj instruistoj de Esperanto
- profesiaj instruistoj de aliaj fakoj, scipovantaj Esperanton
- neprofesiaj instruantoj de Esperanto

- neinstruantaj neesperantistaj "Amikoj de ILEI".

*ILEI - kaj UEA*

ILEI kunlaboras kun Universala Esperanto-Asocio laû principo formulita de la prezidanto de UEA en 1986: "Interkonsente, la du asocioj akceptis la principon, ke iom post iom, ILEI kiel aûtonoma faka asocio, transprenu de UEA ĉiujn taskojn rilate al edukado kaj instruado, samtempe utiligante la strukturon de UEA, laû bezone, por realigi siajn celojn".

ILEI ĉiu jare organizas Internaciajn Ekzamenojn je tri niveloj okaze de la Universalaj Kongresoj de UEA. Same dum la UK, la ligo prizorgas fakan programon "Tago de la lernejo" kaj proponas gvidantojn por rapidkursoj celitaj al ne-esperantistaj familianoj de kongresanoj kaj por konversaciaj rondoj.

*ILEI - la konferencoj*

La unu-semajna ĉiu jara ILEI-konferenco inkluzivas fakajn prelegojn, demonstraciojn, model-lecionojn, diskut-rondojn, kursojn kaj ebelecojn por instruistoj fake ekzameniĝi kaj diplomiĝi.

*ILEI - la periodaĵoj*

La oficiala organo de la ligo estas "Internacia Pedagogia Revuo", kiun ĉiu membro ricevas. Ĝi prezentas fakajn artikolojn, edukajn novaĵojn, libro-recenzojn kaj internajn informojn de la ligo. Ĝi estas krome ligilo inter tiuj universitatoj kaj altlernejoj, kie Esperanto estas oficiale instruata.

Ĉar la Revuo provizore aperas nur trifoje en la jaro kaj alcelas pli altnivelan enhavon, pli modesta "Inform-bulteno" intertempe havigos al la membroj pli praktikajn novaĵojn, alvokojn, raportojn, organizajn temojn, ktp.

Kvankam ne eldonata de ILEI, la lerneja revuo "Juna amiko" ĝuas la aktivan subtenon de la ligo. Ĝi kvarfoje jare enmanigas al instruistoj legmaterialon uzeblan suplemente al la formalaj lerniloj.

*ILEI - instruista trejnado*

Por plenumi siajn celojn sur ĉi tiu tereno, ILEI :

- Ellaboras programojn, regularojn kaj instru-materialon por perfektigaj kaj instru-rajtigaj kursoj;
- Disponigas teamon de alte kvalifikitaj profesiaj instruistoj por trejni tiujn kolegojn kiuj deziras perfektiĝi, ĉu lingve, ĉu pedagogie;

- Organizas internaciajn aû regionajn profesiajn seminariojn, kolokvojn kaj stud-tagojn pri aktualaj edukaj demandoj;
- Aljuĝas internacie rekoneblajn atestojn kaj diplomojn pri instru-kapablo.

## *ILEI - la katalogado*

Inventarado de ĉiuj oficialaj Esperanto-kursoj en la mondo, de elementa ĝis la universitata nivelo, estas konstanta tasko de ILEI. Same estas la listigo de ĉiuj leĝaj decidoj permesantaj la instruadon de Esperanto en la mondo. ILEI katalogas ĉiujn universitatajn kaj altlernejajn disertaciojn rilatantajn al Esperanto kaj ĝia instruado.

## *ILEI - planoj*

- Stimuli la verkadon de novaj lerniloj (kurslibroj, aûdvidaj helpiloj, bildrakontoj, ks.) bazitaj sur la plej freŝdataj pedagogiaj kaj psikologiaj evoluoj.
- Eldoni pedagogiajn verkojn kaj praktikajn gvidlibrojn, ekz. Konsilarojn pri la starigo de kursoj kaj manieroj motivigi studintojn al plulernado aû aplikado de la lingvo.
- Ellabori kursojn por specifaj cirkonstancoj aû celgrupoj, ekz. Por memlernantoj, dumtagaj kursoj en lernejoj, vesperaj kursoj por plenkreskuloj, intensaj, perfektigaj kaj korespondaj kursoj.
- Katalogi, pritaksi kaj diskonigi plej diversajn instrumetodojn kaj instruilojn.
- Kompili ĝeneralan bibliografion de eldonaĵoj, ĉu Esperantaj ĉu nacilingvaj, pri Esperanta instruado.
- Aperigi pedagogian leksikonon kunlabore kun la Terminologia Esperanto-Centro de UEA.
- Helpi la spert-interŝanĝojn de la Esperanton parolantaj fak-instruistoj.

La aktuala adreso : p/a Marija Belŝeviĉ, Sveti Duh 130, HR-41000 Zagrebo, Kroatio. ■

**توجّه :**

از اسپرانتودانان ارجمندی که اطلاعاتی در مورد کتابهای منتشرشده به اسپرانتو یا درباره اسپرانتو به فارسی در ایران دارند دعوت به همکاری جهت تدوین کتابچه‌ای با موضوع فوق می‌شود. خواهشمند است هرگونه اطلاعات خود را در مورد مقاله‌ها، نوشته‌ها، گزارش‌ها و کتابهایی که تحت هر عنوانی در آنها سخنی از اسپرانتو به میان آمده است با ذکر تاریخ، عنوان، نام کتاب یا نشریه، محل چاپ، نام نویسنده و در صورت امکان کپی آن به آدرس تهران ، ص.پ ۱۸۴-۱۷۷۶۵ ارسال کنید. از شرکت کنندگانی که مطالب آنها قابل انعکاس و مورد استفاده قرار گیرد، به طرز شایسته قدردانی خواهد شد.




81-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
20-27 julio 1996
Prago, Ĉeĥa Respubliko

# Junularo, bonvenon !

Speciala mesaĝo pro ĉiuj gejunuloj



## KONGRESUMI EN PRAGO

Kiel en ĉiuj lastaj UK, ankaŭ en Prago vi povos ĝui apartan junularan programeron. Ĝian detailan priskribon vi trovos en la kongresa libro. Nun nur la rigardeto preparejen;



diversspecaj muzikkoncertoj
trarigardo de la "centtura" urbo
multaj kulturaj programeroj ene de la urbo
ekskursoj al ĉirkaŭaĵo de Prago - pitoreskaj urboj, grandaj burgoj

JUNULARA GIĈETO JE VIA DISPONO DUM TUTA KONGRESO



## LOĜI EN PRAGO

Junulargastejo ofertas 3-litajn ĉambrojn (duŝejo kaj necesejo ĉiam po 2 ĉambroj) kontraŭ proksimume 15NLG po persono kaj nokto. La junulargastejo troviĝas en kvieta kvartalo de la ĉefurbo, kvaronhoron piede de metroostacio.

EBLAS RESTI TIE PLI LONGE; NE FORGESU KE NUR LA 29.7. KOMENCAS LA IJK EN GERMANIO.



## RABATUMI EN PRAGO

| KONGRESKOTIZOJ EN NLG | ĝis 31.12.95 | | ĝis 31.3.96 | | ekde 1.4.96 | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | A | B | A | B | A | B |
| junulo - ne individua membro de UEA | 162 | 121 | 202 | 151 | 242 | 182 |
| junulo - mem individua membro de UEA | 107 | 81 | 135 | 101 | 162 | 121 |

Junulo estas tiu, kiu naskiĝis inter 1.1.66 kaj 31.12.75 inkluzive. Oni nepre notu al naskiĝdaton sur la aliĝilo. Senpage aliĝas infanoj kaj gejunuloj naskiĝintaj post 31.12.75. La kotizo ne estas repagebla, senkonsidere ĉu la aliĝinto ne povas partopreni la Kongreson pro propra volo au pro iu ajn ekstera kaŭzo, eĉ se la Kongreso ne okazas aŭ okazas en alia urbo. La kotizo ne inkluzivas loĝadon, ekskursojn, bankedon kaj eventuale aliajn aparte pagendaj aferojn. La kotizo inkluzivas nenian asekuron. Kongresaneco ne estas transdonebla al alia persono. Por la limdatoj kaj aliaj kondiĉoj validas la dato de ricevo de la pago en la CO au ĉe peranto. Aliĝilon sen kompleta pago oni ne traktos.

Pliaj informoj petu ĉe *ĈEJ, Lucie Karešová, Tylova 1262, CZ-50801 Hořice*

*antaŭparolo*

Sábálano(Savalano) estas la plej altaĵ-pinto en Árdebil provinco de Irano. Ĝia alteco estas 4811mtr. kaj la pinto aperis de vulkan-lafoj.

La naturo de Sábálano estas tre agrabla. Preskaŭ la tuta deklivaĵo estas kovrita de verdaj herbejoj. La plej bela parto de Sábálano estas la lago sur ĝia pinto, kiun preskaŭ ĉiam kuŝas neĝo.

Ĉiu jare multaj turistoj el diversaj landoj grimpas al Sábálano. La plej fama vojaĝ-donaco de la regiono estas mielo. Multaj abelejoj troviĝas en la regiono pro la riĉa kreskado de belaj floroj. Tie oni parolas Azári-lingvon.

***Pri la vojaĝo;***

Merkrede la 4an de Ámordado(26.7.95), ni kvin amikoj, komencis nian vojaĝon el Tehrano al Tábrizo aŭtobuse. Antaŭe ni decidis laŭ eble paroli Esperanton. Matene la postan tagon, ni atingis Tábrizon. Laŭ laŭ plano, nia amiko atendis nin tie ĉe la stacio. Do ni iris al niaj aliaj Tábrizaj amikoj. Post la maten-manĝo ni, per du aŭtoj, veturis al Áháro kaj poste Meŝkin-ŝáhr urboj. Ekzistas du mineralaj termo-fontoj en la malsupra deklivaĵo de Sábálano nome «Ŝebil» kaj «Gotur-sui». Ĉiu jare venas multaj da homoj al la termo-fontoj, ĉar tiuj fontoj kuracas diversajn specajn malsanojn. Nia posta celo estis Ŝabil. Per aŭto kaj poste unu-hora marŝado ni atingis tien, kaj tuj starigis du tendojn.

Vendred-matene, post ekzerco kaj maten-manĝo, malstariginte la tendojn, ni daŭrigis nian Esperantan ekskurson kun kantoj de Iran-himno kaj la Espero.

Post la nokta ripozo, sabate je la horo 10 :30 ni sukcese atingis la pinton kaj hisis la flagon de IREJO, kaj faris fotojn ĉe la lago de Sábálano. Post 15 minuta ripozo, ni komencis reveni malsupren. La vojo estis preskaŭ la sama kun belaj naturaj vidindaĵoj.

Kiam ni atingis Tabrizon, ni decidis promeni tra la urbo kaj viziti antikvajn lokojn. Ni antaŭe vizitis «Mágbárát-o-ŝoára», kie entombiĝis jam la famaj poetoj de Azárbajĝano kiel Ŝáhrjar. Do, ni vizitis la antikvan domon de gaĝarieh. Tie entombiĝis la martiroj de la revolucio Máŝrutiát, kaj ekzistas la maŭzoleo de Zia-ed-dole Imamido. Ni ankaŭ vizitis "Bag Golestan", unu el la plej malnovaj parkoj en Tabrizo, kaj "Másĝed Árk", la plej malnova moskeo de Tábrizo kaj la vendreda preĝejo. Inter aliaj vidinaj lokoj kiujn ni vizitis estis "El Goli" kaj "Baglar Bagi", du belaj kaj grandaj parkoj en Tábrizo.

*El Italio :*

. . . kun granda plezuro mi legis vian Bultenon, kiu estas konciza, bone verkita kaj tre interesa. Kun ĝojo ni kunlaboras kun vi!

*Lilia Fabretto, Ĝenerala sekretariino de Tutmonda E-ista Vegetarana Asocio (TEVA)*

*El Nederlando :*

. . . mi volas gratuli vin pro la daŭra aktiveco de IREJO. Kun intereso mi legis en lastatempa numero de via bulteno, ke vi pretiĝas por fondo de landa asocio . . .

*Osmo Buller, Direktoro de la Centra Oficejo de UEA*

*El Litovio :*

. . . eble vi havas superfluan malnovan aŭ novan ekzempleron da via eldonaĵo «IREJO-Bulteno» kaj povus sendi por ni. Ni ege volus kiel eblo pli multe ekscii pri -nekonata por ni- lando Irano, pri via kulturo, tradicio . . ..

*Antanas Gvildys*

*El Kubo :*

La Esperanto-redakcio de Radio Havano bonorde ricevis vian informilon kaj elkore dankas al vi!. Ĝi konsistigas sufiĉe freŝan fonton de informoj pri via movado kiu estas tiom for de ni!.

Ni alte taksas tian kunlaboremon kaj esperas ke estonte ni restos en perletera kontakto. Via bulteno estas utila kaj ni eltiros kelkajn informojn por disaŭdigi en niaj dimanĉaj elsendoj, kiuj estas direktitaj al tuta Ameriko kaj Karaibio, Okcidenta nord-ameriko, Pacifika Azio kaj Eŭropo!

*Lourdes Lopez, Direktorino pri korespondado de Radio Havano.*

---

Ni revenis el Tábrizo al Tehrano per trajno. La trajn-vojaĝo daŭrigis ĉirkaŭ 12 :30 horoj, kaj Marde, je la 6-a matene, post 6 tagoj ni estis denove en Tehrano

Do, la unua IREJO ekskurso finiĝis sukcese kaj memorinde. Tiu vojaĝo, kun bonaj amikoj de Tehrano kaj Tábrizo, estis vere fruktodona. Certe tio ne estos la lasta. Ni esperas havi aliajn IREJO ekskursojn tra la tuta parto de nia lando. Kompreneble kun pli da Iranaj E-istoj kaj ankaŭ vi! -ontaj vojaĝoj anonciĝos en IREJO-Bulteno,ne hezitu kontribui! ■

*Ábbas ĤosroAbadi*

## Vidpunkto

La E-o movado ekde sia ekesto dependas al junularo. Se ni rigardu la historion de la movado, ni konsideros ke multaj junaj homoj jam faris admirindajn agadojn kaj servojn rilate al la disvastigo de Esperanto en diversaj landoj. La fama ekzemplo estas D-ro Zamenhof mem, la iniciatoro de E-o. Li faris kaj aperigis sian mondlingvon, kiam li havis 26 jarojn, aŭ la fondinto de la Universala Esperanto-Asocio estis 21 jara Sveda junulo, Hector Hodler, kies valorindan agadon hodiaŭ ĉiuj gesamideanoj admiras.

Neniu movado sukcesos sen junulara potencialo ankaŭ la E-o. Sen junulara povo ĉiuj movadoj nur devus atendi malsukceson kaj fiaskon. Ĉiam kaj ĉie la daŭrigantoj estas juna generacio. Esplorante la historion de la E-o movado, feliĉe estas rimarkinda, ke nia movado ĉiam estis riĉa je ili. Laŭ mia opinio la fenomeno de la internacia lingvo ĉiam interesas junularon, ankaŭ la interkomunikado kaj interkompreniĝo estas dezirata de ili, do, la internacia lingvo povas helpi ilin en celitaj aferoj. Aliflanke, nature junuloj pensas idealisme kaj optimisme. Al ili la mondo ŝajnas kiel hejmo homa, malofte ili emas politikajn aferojn.

Nova epoko vokas nin kaj ni vole ne vole antaŭeniros. Sed en nia epoko ankoraŭ ekzistas kaj palpeblas la lingva malfacilaĵo. Kompreneble la homo superis jam al siaj multaj diversaj problemoj kaj espereble prosperos ankaŭ en la lingva malfacilaĵo. En la lastaj jaroj, en nia lando jam komenciĝis seriozaj sciencaj aktivadoj. Feliĉe multaj el niaj gejunuloj fervore studas kaj laboras en la sciencaj kampoj. En siaj esploradoj, ili ege bezonas la lastajn akiraĵojn de la sciencaj fakoj kaj tiu necesigas la interkontakton kun eksterlandoj, do tiel evidentiĝas la lingva problemo.

Bedaŭrinde junuloj en nia lando apenaŭ scias pri E-o, eĉ miskomprenas ĝin pro la informada manko, tamen kiam ili ricevas detalajn informojn pri la E-o, ili entuziasmiĝas pri nia lingvo, ĉar E-o realigas ilian revon facile interkontaktiĝi kun la deziritaj celoj.

La estontecon mi antaŭvidas luma kaj esperiga pri la E-o, ĉar hodiaŭ tie kaj ĉi tie mi vidas junajn gesamideanojn, kiuj kiel pioniroj agadas pri nia homa movado. Ili fervore lernas kaj instruas la lingvon kaj pli fortigas la movadon. IREJO, kiel la nura junulara E-o asocio en Irano, havas grandan taskon kunligi gejunulojn kun la movado. Estas inde ĉiuj gesamideanoj subteni la junularan aktivadon, se ni kredas al la bela ideo de E-o. Ankaŭ ni kredu la junularon, kiuj estas la espero de la estonteco, en kiu nia kara lingvo havos tre ĉefan rolon.

Esperante al la luma morgaŭ, ni eklaboru de hodiaŭ.■

*M . Reza Torabi*

# Bildvortaro



## INGO kaj UJO

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1. | KANDELO | 14. -INGO | TRANČILINGO |
| 2. -INGO | KANDELINGO | 15. | BANANO |
| 3. | FINGRO | 16. -UJO | BANANUJO |
| 4. -INGO | FINGRINGO | 17. | PIEDO |
| 5. | TASO DA KAFO | 18. -INGO | PIEDINGO |
| 6. | KAF-BEROJ | a. | FLAMO |
| 7. -UJO | KAF-BERUJO | b. | FADENO |
| | = KAF-ARBO | c. | KUDRILO |
| 8. | GLAVO | č. | KVASTO |
| 9. -INGO | GLAVINGO | d. | PUFA MANIKO |
| 10. | CIGAREDO | e. | ŜELO |
| 11. -UJO | CIGAREDUJO | f. | BANANARO: |
| 12. -INGO | CIGAREDINGO | | BANANA SPADIKO |
| 13. | TRANČILO | g. | SPRONO |

## Suneklipso en Irano

En la tago de 2.8.74 (24.10.95) okazis plena suneklipso dum 17 sekundoj. La eklipso komenciĝis en urbo Gom je la 5:22 h, kaj pleniĝis je la 6:24 h, en Birĝánd. Multaj sciencistoj kaj esploristoj kaj aliaj interesatoj haste vojaĝis al urbo Birĝánd en nord-oriento de Irano por ke de proksimo, vidi kaj atesti tiun maloftan kaj grandiozan natur fenomenon!

La eksituo de la luno inter la tero kaj suno okazigas suneklipson. La unua registrita suneklipso laŭ dokumentoj estis la 21a de aprilo 1305 antaŭ la kristnasko. Kompreneble antaŭ tio ankaŭ jam okazis kelkaj eklipsoj en mezoriento.

Pratempe, la suneklipso ĉiam kaŭzis timon kaj teruron inter la homoj. Ili superstiĉe atribuis tiun eventon al la signoj, tiam nia pensulo kaj scienculo la Islama profeto Sinjoro Mohámmád(D.B) arigis ilin ĉirkaŭ si, kaj klarigis, ke tiu evento estas unu el la signoj de Allah la granda Dio kaj invitis ilin al la preĝo. Poste popoloj denove akiris sian trankvilecon. ■

*F. Máĝd*

## Aforismoj

Manĝu vian matenmanĝon kiel ŝaho kaj vian tagmanĝon kiel veziro kaj vian vespermanĝon kiel fakiro.

*صبحانه‌ات را مانند شاه و ناهارت را مانند وزیر و شامت را مانند فقیر بخور.*

kiel diplomato, tage vivu; kiel infano, nokte dormu.

*روزها بسان سیاستمداران زندگی کن و شبها بسان کودکان بخواب.*

Libereco estas espero kaj espero estas libereco.

*آزادی امیدواری و امیدواری آزادی است.*

La morto estas la instruisto de libereco, ĉar ĝi rememorigas nian liberecon.

*مرگ معلم آزادی است، زیرا آزادی ما را یادآوری می کند.*

En la akvoj, ŝarko estas ĉasisto; sur la tero, lupo estas ĉasisto; kaj la homo ,(estas) ilia ĉasaĵo aŭ ĉasisto.

*کوسه شکارچی دریا ، گرگ شکارچی خشکی و انسان شکار یا شکارچی آنان است.*

Se vi deziras esti artisto, lasu vian senkonscion flui en via konscio.

*اگر می خواهید هنرمند شوید بگذارید ناخودآگاهتان در خودآگاه جاری شود.*

Komforton de la du mondoj signifas ĉi-du vortoj : kun la amikoj humaneco , kun malamikoj modereco

*حافظ : آسایش دو گیتی تفسیر این دو حرف است با دوستان مروت با دشمنان مدارا*

*A . HákimNeĵad*

## Bojo de aviduloj

Mi aûdis, ke Ŝejĥe Ŝebli iris al la moskeo por preĝi kaj kelktempe ripozi. En tiu moskeo studis infanoj kaj por ili estis la tempo tagmanĝi. Proksime al Ŝebli, du infanoj estis sidantaj, unu el ili estis la filo de riĉulo, alia de derviŝo. En la korbo de unua estis peco da Halvaon, sed en la korbo de dua estis pano seka, pecon da halvao manĝis la filo de riĉulo kaj ĝin postulis de li la filo de derviŝo!

La infano diris : se vi volas halvao, estu mia hundo

kaj la dua diris : mi estas via hundo.

Riĉa filo diris : do, boju. Kaj tiu mizerulo bojis kaj ricevis pecon da halvao. Denove li bojis kaj ricevis alian pecon .

Ŝebli rigardadis al ili kaj ploris. De li demandis la adeptoj : Ho Ŝejĥo ! kio estas al vi, Ke tiel vi ploras? Li diris : Rigardu la efikon de la sobreco kaj avideco! Se tiu infano de derviŝo sufiĉus al si je sia pano seka kaj rezignus avidi la halvaon de sia samklasano, ne fariĝus hundo al sia similulo kaj ne bojus. ■

*Tradukis : M.Fáhmi*

## Mia opinio pri fastadterapio

*D-ro H.Ráŝidi (Torbáte ĝam)*

Mi legis en la Medicina Internacia Revuo(junio 1991) la artikolon pri fastadterapio. Ĝi estas tre interesa. La aûtoro (Jose Rotz) priskribis pri Moseo kaj Jesuo, kiuj fastadis dum 40 tagoj. Bedaûrinde la aûtoro forgesas skribi pri la Islama profeto (Mohammad), kiu rekomendis la fastadon en la kuracado de diversaj malsanoj. Laû la Nobla Korano li diris : Fastu, resanigu, "La stomako estas la domo de la malsanoj kaj la dieto (fastado) estas la pinto de la tutaj kuraciloj. "Manĝu kaj trinku sed ne multe."

Ankaû la Irana fastadfakulo (s-ro Kabuk) skribis pli ol 1200 paĝojn pri fastadterapio kaj li mem fastadis 40 tagojn.

La 5-an de decembro 1965 okazis en Bagdado (Irako) la medicina kongreso pri la fastadterapio. La parolado de d-ro Otto Buĥinger estis tradukita en 6 lingvojn. Li estas la ĉefo de kliniko de fastadterapio. Li resanigis pli ol 50,000 malsanulojn per ĉi tiu metodo en sia kliniko. Li aldonis : Fastadterapio ludas gravan rolon en la diversaj malsanoj. Tial ni legas en la Nobla Korano: «Kaj fasti estas bone por se nur vi komprenas tion» (Ĉapitro 2. Verso 181). Fine dum la fastado devas esti la hepato pli sana, ĉar la glukozo de la sango translokiĝas al la hepato kaj helpas la homon dum la fastado, precipe dum la malsato. ■

## Raporto pri Rumanio

Dum 8-a ĝis 10-a de oktobro okazis Rumana Jar-renkontiĝo en urbo Galat, kiu estas bela urbo kaj apud ĝi influas blua Danubo. Fakte delto de Danubo estas tie kaj Nigra maro estas tre proksima de tiu ĉi urbo.

Fervojista Esperanto-Asocio, estis ĉefa organizanto de Jar-renkontiĝo kaj partoprenis preskaŭ 100 geesperantistoj el diversaj urboj. S-ro Joachim Giesner prezidanto de Germana fervojista Esperanto-Asocio kaj Honora prezidanto de Internacia Fervojista Esperanta Asocio (IFEA) kaj Honora membro de UEA ankaŭ partoprenis en tiu ĉi jar-renkontiĝo.

En inaŭguro de Jar-renkontiĝo, oni raportis pri nova situacio en Rumanio, membroj, financaj aferoj kaj novaj celoj kaj planoj por venontjaro. Finfine okazis elektado de novaj komitatanoj. Intertempe s-ro Joachim Giesner, mi kaj mia edzino s-ino Azár Kárimi diris kelkajn salutvortojn. S-rino Kárimi nome de virinaj Esperantistoj de Irano parolis kaj mi nome de Iranaj Esperantistoj kaj speciale de IREJO-flanko salutis al la ĉeestantoj kaj klarigis kiel estas nuna situtacio de Eperanto movado en Irano, kaj ankaŭ iom mi parolis pri Rumanio laŭ mia sperto kaj impreso. Kiam mi nome de aktivaj kaj viglaj IREJO-anoj transdonis ilian sinceran kaj amikan salutojn, ĉiuj ĉeestantoj laŭte apludis kaj deziris sukceson pro ilia agado kaj proponis siajn kunlaborojn. Poste, ni(mi kaj mia edzino) partoprenis en akceptado de gubernestro. Li, dum akceptado, raportis pri sia gubernio, (historio ekonomia situacio, edukado k.t.p) kaj fine diris, ke en la venonta jaro, volas vojaĝi al Irano laŭ sia ŝtata respondeco.

Post tagmeze, ni havis tre interesan kaj belega ekskurso sur Danubo per ŝipo kaj nokte estis ferirondo en arbaro proksime de la urbo, sed pro pluvo ŝanĝiĝis la programo kaj en la arbaro okazis vespermanĝo kaj diversaj belaj kaj gajaj konkursoj kiel festo. Pro interesaj programoj, neniu volis forlasi feston kaj ĝi daŭris ĝis la 4-a horo de la mateno. Aliaj tagoj estis ekskurso en la urbo kaj ni vizitis diversajn lokojn, muzeojn kaj ankaŭ promenis sur pordo de Danubo, kiu estis tre vasta kaj verda bulvaro. Post du tagoj, ni forlasis la urbon Galat kaj laŭ invito de iu esperantisto vojaĝis al urbo Constanta, kiu estas tre fama haveno ĉe Nigra maro kaj pro ĝiaj hoteloj kaj plaĝoj multaj turistoj ĉiu sumere vojaĝas tien kaj trapasas plezuran tempon. ■

*GolamReza AzárHuŝáng*

## Novaĵoj

### Semajnaj ekskursoj en Tehrano

Tehranaj geesperantistoj komence de la aŭtuno lanĉis E-o ekskursojn ĉiu vendrede apud Tehran-promenejoj. Dum la vendredo la partoprenantoj promenante aplikadas Esperanton. Ĉiuj gesamideanoj estas bonvenaj. La interesantoj bonvolu kontakti kun Hámzeh Ŝáfii, tel : (021) 4506503 aŭ Ábbas Bagestani, tel : (021) 6612445. ■

### IREJO fariĝis peranto de "Monda Kunagado"

Laŭ la konsento de Monda Kunagado IREJO fariĝis ties peranto en Irano. La interesiĝantoj pri tiu organizaĵo povas akiri aktualan informaĵon kaj aliĝilon ĉe IREJO. ■

### E-o kursoj en Ĥaváran kulturejo

Ekde 26.7.74 (18.10.95) estas aranĝitaj E-o kursoj en Ĥaváran kulturejo por gestudentoj. La kursojn gvidas M.Reza Torabi. Oni faris fakan komisionon pri la internacia lingvo en la kulturejo por esplori pri Esperanto. La studentoj entuziasme renkontis la kurson kaj pli ol 150 personoj partoprenis en la enkonduka kurso. Oni planas ankaŭ progresan kaj konversacian kursojn. ■

### Ekspozicio de Esperantaĵoj en Ĥaváran kulturejo

Okaze la lernanta semajno «la faka studenta komisiono de Esperanto en Ĥaváran kulturejo» okazigis ekspozicion de Esperantaĵoj konsistite el E-o gazetaro sonbendoj kaj libroj. Ankaŭ la unua parto de "Mazi en Gondolando" estis montrata al la vizitantoj. La ekspozicion vizitis pli ol 2500 personoj ofte gelernantoj kiuj entuziasme akiris informojn pri E-o. Oni dankas al ges-roj AzárHuŝáng kiuj pruntedonis siajn Esperantaĵoj al la okazigintoj de la ekspozicio. La aliaj similaj ekspozicioj estas planitaj pere IREJO aktivuloj por venontaj oportunaj okazoj. ■

### Ago-tago unua foje en Irano

Laŭ la propono de la prezidanto de UEA, prof. D-ro LEE Cheong-Yeong, Iranaj Esperantistoj samtempe kun la aliaj samideanoj tutmonde kunagis en la ago-tago la unuan fojon en Irano sabate 15.7.1374 (7.10.1995).

Disdoniĝis pli ol 2000 informiloj pri Esperanto en la persa lingvo inter la studentoj de la universitatoj : Tehrano, Káráĝo kaj Rudeheno, tiel ke post unu semajno dekoj da leteroj sendiĝis al IREJO petante pliajn informojn pri E-o kaj la ricevo de leteroj tiel same daŭras. ■

منتشر شد :

جلد اول از سری سه جلدی کتاب آموزشی : *Tendaraj tagoj*

توصیه شده از سوی UEA و ILEI برای تدریس در مدارس و آموزشگاه‌های زبان اسپرانتو.

کتاب برگزیده آموزشی سال ۱۹۹۳ از سوی UEA . بهاء : ۳۵۰۰ ریال

ضمیمه P.I.V از هم اکنون قابل دریافت می‌باشد.

چنانچه شما فرهنگ کامل مصور اسپرانتو را دارید، داشتن ضمیمه آن ضروری است.

علاقه مندان با ارسال ۲۸۰۰ ریال تمبر باطل نشده داخل پاکت نامه ضمیمه P.I.V را دریافت خواهند کرد.

از هم اکنون نسخه اصل : *MONDA FORUMO*

نشریه علمی، فرهنگی، آموزشی یونسکو به زبان اسپرانتو با مقالات علمی - پژوهشی غیر ترجمه ای در ایران قابل دریافت می‌باشد. جهت دریافت اطلاعات بیشتر و فرم اشتراک با صندوق پستی ۱۷۷۶۵-۱۸۴ مکاتبه کنید.

منتشر شد :

# *Facila Vortareto*

## *Esperanto - Persa*

*Redaktis : M . Reza Torabi*

چاپ دوم

*Eldonis : IREJO 1995(Dua preso)*

واژه نامه جدید اسپرانتو برای دوره های آموزش مقدماتی. بهاء : ۱۳۰۰ ریال